# INTERNACIA FERVOJISTO




1991.4









Persongalerio: Supre du honoraj membroj - IFEF-prezidanto Per Engen kaj Jaromir Babiĉka. Sube de maldekstre LKK-prezidanto, FAK-gvidanto ktp Petr Chrdle, FAK-sekretario Ladislav Kovaŕ kaj TK-sekretario Joszef Halász.

REDAKTORA BABILO

Se vi scius, kiom malfacila estas redakti la postkongresan numeron de IF! La 'saĝaj patroj' de la Statuto kaj Regularo de IFEF fiksis ĝian ekzaktan enhavon, sed ĉiam mi devas peki kontraŭ tio. Ĉijare la raporto de 'wbr' pri la 43a kongreso ŝajnas al mi tiom ĉionampleksanta, ke ĝi meritas tujan aperigon, por ke nia vasta legantaro (?) sentu palan enrigardon en la travivaĵojn de ni feliĉuloj-kongresintoj. Parte pro tio prokrastiĝas ĝis venonta numero la resumojn de ĉefa kaj ceteraj fakprelegoj.

Dume bonvolu ĝui la somermezon, kiun - almenaŭ sur la latitudo de la redaktejo - poeto priskribas tiel:

De la ĝardenoj sambukflorar'
tra la fenestroj odoras.
Jen virkoko per krifanfar'
distrumpetas pri propra far'.
En somervento greno
ondas por homa beno.

Fartu kaj agu bone!

Red.

En "Informo por la Terminara Komisiono de IFEF" d-ro Mihály Szegedi skribas i a:

"Karaj Kolegoj!

Mi kaptas la okazon informi vin pri kelkaj detaloj por apliki Esperanton en la fervoja faklirgvo, opiniante, ke tiuj ĉi faktoj estas utilaj ankaŭ por la eksterlandaj fervojistaj esperantistoj.

- Nia kvaronjara revuo Hungara Fervojista Mondo ĉijare estas 34jara. La revuo ekde 1957 kontinue enhavas fakajn artikolojn pri diversaj fervojaj fakterenoj.

- En ambaŭ volumoj de la oficiala hungara fervojhoraro la klarigtekstoj - krom en aliaj lingvoj - aperas ankaŭ en Esperanto.

- La sufiĉe detala Statistika Kajero de MÁV aperas ekde 1986 krom en aliaj lingvoj ankaŭ en Esperanto.

- En la komputilo de MÁV estas trovebla ankaŭ la Esperanto-traduko de la UIC-leksikono."

---

INTERNACIA FERVOJISTO 1991.4 - 43a eldonjaro

Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio.

Redakcio: E Henning Olsen, Åderupvej 182, DK-4700 Næstved.
Tel +45 53 72 73 77. Telefakso (dejore) +45 55 77 15 25.

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

Sekretario: D-ro Romano Bolognesi, Via Misa 4, I-40139 Bologna.
Dana poŝtĉekkonto: 1 25 80 36, IFEF, Banegårdspladsen 14, DK-9700 Brønderslev.
Dana bankkonto: 7353-350550, Provinsbanken, DK-9800 Hjørring (pagante per bankkonto aldonu 25 DKK por bankelspezoj).
Svisa bankkonto: 4'1-02, Thurgauische Kantonalbank, CH 8590 Romanshorn.
Svisa poŝtĉekkonto: CH 85-4110-5 Frauenfeld, IFEF, Banegårdspladsen 14, DK-9700 Brønderslev.






# FAKTOJ KAJ IMPRESOJ PRI NIA 43A KONGRESO EN CSFR

Fervojista blovorkestro tondras gajajn melodiojn tra la plenega stacidomo de Olomouc, dum ekstere la ĉielo verŝas larmegojn de ĝojo, kiam alvenas sinsekve la trajnoj de la kongresanoj el Prago, Vieno kaj aliaj direktoj. Folkloraj paroj bonvenige proponas laŭ malnova kutimo panon kaj salon al la gastoj. Tiu ĉi unua impreso ankaŭ realiĝis dum la tuta kongressemajno: pluvado alternis kun sunbrilo, elkora amikeco baraktis kun obstakloj de la cirkonstancoj. Ne la kutima rutino dominis, sed oftaj surprizoj ĝojigis aŭ ĉagrenis, laŭ la individua temperamento.

La 43a Kongreso de IFEF de 11a ĝis la 17a de majo kunigis 380 interesuloj el 19 landoj. Nur? Jes, ni estis dorlotitaj de grandaj nombroj el antaŭaj t.n. orientbloklandaj kongresoj. Ankaŭ nia neŭtrala faka organizaĵo ne povas pretervidi la fundamentajn politikajn ŝanĝojn al plia demokratiiĝo, kiujn ni ĉiuj aklame salutas. Sed tia evoluo ankaŭ portas gravajn ekonomiajn malfacilaĵojn al la plej multaj honestaj, ordinaraj civitanoj de tiuj landoj. Se tia tendenco daŭras, necesas granda streĉo de praktika solidareco, por efektivigi imponan manifestacion de nia 44a kongreso en la venonta jaro.

Interkona ni nomas tiun vesperon de unua renkonto kaj revido. Ne malmultaj kongresanoj ĉiun jaron prefere serĉas aliloke trankvilan angulon por babili kune, neĝenate de laŭta muziko kaj ne ĝenante artistajn prezentojn. La aliajn ankaŭ ĉi-jare plezurigis dancmuziko kun varia programo.

Nur teologie spertaj gekolegoj povis eltrovi la neceson de du sinsekvaj diservoj dimanĉaj, eĉ en la sama preĝejo Sankta Maria la Neĝa: unu katolika sub aŭspicio de IKUE kun ties ĉeĥa sekciprezidanto Sváček, poste unu ekumena gvidata de KELI-prezidanto pastro Burkhardt, kun asisto de Pavel Polnický. En digna muzika kadro ankaŭ tiuj ĉi aranĝoj estis, kvankam ne nepre fakkongresaj, tamen kun bone preparitaj kanto- kaj preĝotekstoj, imponaj prezentoj esperantistaj.

Kiu kapablas kuri sufiĉe rapide, povis ĝui dimanĉon matene ĉarman spektaklon en la urbocentro. Akompanata de fervojista kapelo marŝdancis helblue kostumita trupeto de junulinoj tra la stratoj de Olomouc. De la urbodomo, preter la distrikta direkcio de CSD, kie direktoro Knop-Kostka ilin salutis, oni kondukis la kongresanojn al la Esperanto-arbo en la urba parko. Dum malgranda restaco la kunvenintoj aŭdis pri la historio de la arbo kaj de la memorŝtono en tempoj de severaj persekutoj.

Cu iu opinias ĝin enuiga, aŭ alia sentas ĝin edifa por koro kaj movado, sendube kiel necesa kaj reprezenta programero la inaŭgura solenaĵo elradias al vasta publiko ekster la kongreso. Komprenante tion, la gekolegaro akurate je la 11.30 h kolekt-

iĝis en la kongressalonego, atente aŭskultadis kaj ĉiam ekzakte en la ĝusta momento dece aplaŭdis.

LKK-vicprezidanto Svoboda prezentis honorajn gastojn, estraranojn kaj diversajn funkciulojn el la movado. Václav Staraček, vicdirektoro de Ĉeĥoslovakaj Ŝtataj Fervojoj (ĈSD), persone transdiris la bondezirojn de la ĝenerala direktoro Ivo Malina kaj speciale substrekis la nunan politikan malfermiĝon al Eŭropo. Aklaman aprobon trovis la ĝenerala prezidanto de FISAIC Gilbert Schmit, kiu en nia Internacia Lingvo vortumis la salutojn de la prezidantaro. Li memorigis la gravajn historiajn eventojn en ĝuste tiu ĉi lando kaj agnoskis la signifon de ĝiaj trafikaj nodoj por la mezeŭropaj fervojoj. Finante li citis admonon de Saĥarov, ke ni klopodu konservi homecon en homo kaj la naturon en la naturo.

Distrikta direktoro de ĈSD en Olomouc Vojtěch Knop-Kostka atentigis pri gravaj datrevenoj de la regiona fervoja reto. Li skizis la teknikan evoluon de ĈSD, en kiu konekso li ankaŭ tuŝis la temon de la ĉefa fakprelego TER, pri kiu oni legas aliloke. Urbestro Milan Hořínek bonvenigis la kongresanojn en sia urbo, kiu intense komencas restaŭradi sian historian urbokernon. Fine Petro Chrdle, LKK-estro kaj prezidanto de Ĉeĥa Esperanto-Asocio uzis la okazon por honorigi meritplenajn membrojn de ĈEA.

Prezidanto de IFEF, Per Engen, esprimis sian kontenton, ke unuan fojon en la historio de IFEF oni sukcesis organizi la kongreson en tiu ĉi lando. Tion ebligis fundaj ŝanĝoj de socia strukturo, sed primare la kuraĝo kaj laboremo de ĉi-landaj esperantistoj. Li esperas, ke la konsiderinde altan esp-lingvan nivelon ne minacu ekonomiaj problemoj. Kun danko al ĉiuj kontribuintoj, li deklaris la kongreson malfermita.

La vira ĥoro Haná per pluraj prezentoj de klasikaj kaj folkloraj muzikaĵoj beligis la festan inaŭguron. Aŭdiĝis i.a. kantoj de Dvořák, Janáček kaj Smetana en naciaj kaj internacia lingvoj. La himno ne mankis je la fino de la kunveno. Sed komprenеble tia ĥoro pli harmonie sonigas ĝin, ol la ne kantosperta kongresanaro.

Inter la landaj reprezentantoj interese rimarkiĝis, ke el Germanio venis du, pro administraciaj kaŭzoj: unu de DB kaj dua de la ankoraŭ aparte ekzistanta ŝtata fervojo DR. Ankaŭ la kongreslando delegis du reprezentantojn de ĝis nun nur unu ŝtata fervojo ĈSD, evidente pro politikaj kaŭzoj de nove burĝonanta federaciismo: nome unu el Ĉeĥio kaj alian el Slovakio. Cetere salutis la landaj IFEF-asocioj aŭstria, belga, brita, bulgara, dana, franca, hispana, hungara, itala, jugoslavia, nederlanda, norvega, pola, rumana kaj svisa.

Sternberk estis unu el la ekskurslokoj, kiujn la organizantoj proponis tiun posttagmezon dimanĉan. Ĉiĉeronoj estas ja kvazaŭ-profesiaj babilemuloj aŭ amplekse spertaj informantoj. Sed ekzistas ankaŭ tiaj, kiuj plezuras amuzi senpovajn turistojn per pli-malpli-belsonaj solkantoj tra aŭtobusa amplifikatoro. Kiu en la kastelo jam satis je malnovaj mebloj kaj de glitado sur feltpantofloj, en Sternberk povis trovi ne nur replikojn pri feŭda historio, sed en aparta muzeo ankaŭ tre interesan kolekton de tempomezuriloj tra la jarcentoj sub la devizo: horo pasas - tempo daŭras!

Tiu ĉi dimanĉo dense plena de programo kaj impresoj finiĝas per elektita kultura prezentado. La arĉkvarteto ludis Cajkovskij kaj la nokturnon de Mozart. La ĥoro Dvořák jubileante sian 30jariĝon, ĝojigis per madrigale kantitaj klasikaj, popolaj, elegiaj melodioj en ĉeĥa en

Esperanto. La gekantistoj Alina Farna, Miroslav Smyčka kaj Josef Vích brile aúdigis operariojn, duetojn, art- kaj popolkantojn; eĉ la muzikigitan poemon "La Vojo" de Zamenhof ni povis aúskulti. La aktorino Eva Seemannova surscenigis monodrame la apokrifon "Marta kaj Maria", laú kiu Marta plendas al fikcia najbarino pri la konduto de sia fratino Maria dum vizito de Kristo en ilia domo. Kiu povas kompreni, ke penoj kaj oferemo de Marta ne motivigas dankon, almenaú agnoskon, sed rikoltas nur admonojn kaj malintereson?

La lundo estas labortaĝo por komitato kaj komisionoj. Dume antaú la kongresejo ĉiĉeronoj nombras siajn grupanojn. Unu post alia kun sia gregeto malaperas en la historia urboparto. Novan sistemon elpensis la Olomouc-anoj: en ĉiu grava loko, ĉu placo, ĉu elstara konstruaĵo postenis unu areofakulo. Tiu klarigis siajn vidindaĵojn al la pasantaj grupoj. La gvidanta ĉiĉerono kondukis grupon de posteno al posteno, kompletigante ties klarigojn per historiaj kaj sociaj foninformoj. Interesa ideo, sed ĉu ĝi ĉie tiel bone funkciis?

La lundo ankaú estas baltago. Bankedo pro neatendite granda nombro de interesuloj plilongiĝis je pli ol unu horo. Soleno por justa prezo! La aliaj kongresanoj intertempe konas jam plurajn bonajn restoraciojn en la urbocentro, kie oni pli bone, rapide kaj pli afable servas ol en la kongresejo. Konsidere la prezojn, malaltegajn kompare al ekzemple skandinavia nivelo, oni povas satmanĝi nur kun malbona konscienco. Evidente la turistoj el okcidentaj landoj profitas nevole aú volonte el la situacio de tiuj homoj, por kiuj transvivi tiun ĉi ekonomie nefacilan tempon dependas de apogitaj varoprezoj. Admirinda estas la pacienco, per kiu la homoj tie esperplene toleras la sekvojn de konfliktoj inter statkapitalismo, ankoraú masive ekzistanta kaj radikala merkatismo jam penetranta en la breĉojn, kiujn la demokratiiĝo vidigas.

Ankaú marĝene la kongresanoj ĝuis plurajn avantaĝojn, apenaú imageblajn en kapitalisma okcidento. Senpaga bileto ebligis al ĉiu, krozadi unuaklase pli ol tri semajnojn tra la tuta fervojreto de ČSD. Rajtiĝilo por urbaj trafikiloj, kiuj en densa sinsekvo interligas ĉiujn urbopartojn de Olomouc, eĉ ekskurslokojn kun la centro, dum la kongressemajno faciligis rapidan transigon de grandaj kaj eta distancoj. Filatelistojn tre ĝojigis eĉ du porokazaj poŝtstampoj, unu en la kongresejo men kun esperant-lingva teksto, dua en la poŝtejo de la ekskursloko Strážnice kun skribo ĉeĥlingva kaj malsama motivo.

Dum la balvesporo menciinde moderа dancmuziko ludis ankaú por la majoritato de maljunuloj. Intermeze junulaj danctrupoj demonstris al ni, kiel danci, jen klasike en konservative longaj balroboj, jen formacie kun pli ŝpare vestitaj knabinoj kaj akrobataj knaboj.

Mardon matene akurate komencita kaj discipline gvidata de prezidanto Per Engen la antaúpreparita publika plenkunsido disvolviĝis sen la grandaj diskutoj de la fruaj IFEF-jaroj, kvankam almenaú la kongrespropono estus donintaj kaúzojn por diverskonceptaj opiniesprimoj. Ciuj estraranaj raportoj trovis aprobon de la komitatanoj. La postmorta honorigo de K.G.J. de Jong al "Honora Prezidanto de IFEF" vekis iajn emociojn de malnovaj membroj. En la dankvortoj de Wim van Leeuwen, kiu por la vidvino transprenis insignon kaj diplomon, trasonis iom la amara demando, kial la multjara aktivulo kaj IFEF-prezidanto ne dumvive povis ricevi tiun ĉi honorigan kompenson.

La rumana asocio estas oficiale ak-

ceptita, kiel nova landa asocio de IFEF. En la nurjara kongreslando ankaŭ okazos la venonta skisemajno 8a - 15a de februaro 1992. Provizoraj proponoj por sekvontaj IFEF-kongresoj: 1993 Italio, 1994 Aŭstrio, 1995 Hungario. FISAIC decidis akcepti Esperanton kiel laborlingvon, dank' al la persista klopodo de i.a. francaj gekolegoj, kio aliflanke kaŭzas al ili nun grandan traduklaboron.

Fakte pli da publika atento meritas nia faka laboro, pro kiu ni rajtas nomi nin faka organizaĵo. Laŭprograme mardon posttagmeze la aŭtoro mem prezentis sian fakprelegon pri "TER" Transeŭropa Fervoja Koridoro Nord-Suda. Petro Chrdle, kompetenta fakulo de ČSD-esplorinstituto, kunlaboras en tiu projekto de Eŭropa Ekonomia Komisiono en UN. La malfermiĝo de Eŭropo al la oriento povus esti avantaĝa por la plano, se ne aliflanke akutaj ekonomiaj konsideroj hezitigus la nunan ĉeĥoslovakan registaron, decidi pri konsento. Ĝia rifuzo signifus absolutan nuligon de la projekto, ĉar la fervojreto de ČSD estas la koro de la entrepreno. Petro Chrdle ankaŭ klare vidigis la alternativajn trafikajn ŝarĝojn de varo- kaj persono-transito sur nun jam tro okupitaj stratoj en Ĉeĥoslovakio.

La marda vespero tiel bele komenciĝis. Infanĥoro kun natura ĉarmo prezentis aŭdindan kantoprogramon. Ni konatiĝis kun la 80jara historio de la Olomouc-a Esperanto-klubo kaj kun la miljara de Moravio. Samideano Hanuŝ deklamis sian poemon senriproĉe, emocie; aminda maljunulo, kiu dum la daŭro de tiu vespero volonte kaj ofte babiladis, parte en interese ĉarpentita Esperanto, sed kun nebremsebla entuziasmo. La muzikprogrameroj povis konkurenci kun bona klaso.

Eble ne ĝentile, ke dum la vespero multaj gastoj forlasis la salonegon. Pri eventuala miskompreno kulpas la programindiko: renkontiĝo kun lokaj esperantistoj. Ĝi atendigis konversaciojn personajn, respondojn pri la aktualaj politika kaj ekonomia situacioj, kiuj arde interesas ekzemple homojn el fora okcidento. El pluraj antaŭaj kongresoj ni konas tiajn forumojn, kiuj sciigis multe pli pri la kongreslando, ol internacia gazetaro pretas raporti. Kiel ajn ni serĉis kontaktojn kur la kongresanoj enlandaj, ni trovis nur la funkciulojn, sufiĉe ŝarĝitajn de siaj taskoj. Okazaj alparoloj de lingvospertaj neesperantistaj personoj dum surstrata promenado klare montris, ke ne estas malbezono je reciproka informado. Ni povas lerni unu de alia! Nia lingvo, kiel neniu alia estas destinita primare al tiu celo: interhoma kompreniĝo.

La merkredo estis plene dediĉita al turisma amuzo. Tra inter lupologalerioj kaj florantaj koleokampoj, suden preter moraviaj vitejoj, tra malagrablaj industrizonoj de la urboj, unu aŭtobuskaravano atingis la pilgrimejon Velehrad. Antaŭ la frubaroka baziliko pompas ankoraŭ altpodia altaro, postsigno de pasintjara papovizito. La urbo Strážnice posedas vastan subĉielan kolekton de originalaj dometoj, vilaĝoj kaj kamparaj instalaĵoj. Grupon de delegitoj akceptis la urbestro en la urbodomo de Strážnice. Interesan diskuteton pri komunaj problemoj de malgrandaj urboj interpretas Vlaĉa. Ĉu burĝonas ĝemeliĝo? Multkolora prezentado, cimbalmuziko, modernovaj dancoj, kantado proksimigis al la ekskursanoj folklorajn elementojn de la regiono. Post vespermanĝo pilgrimis karavano al la vinkeloj por malaperi sub la tero, el kie baldaŭ obtuzaj sonoj signalis kreskantan gajecon pro bonkvalito de gustumitaj vinoj. Nur longe post noktmezo la persistaj kelogastoj decidis fini la antaŭan tagon.

La supozeble granda eĥo pri nia kon-

greso en la loka kaj regiona, eble ankaŭ en la faka gazetaro ne komunikiĝis al ordinaraj kongresanoj. Cetere bone funkciis la kongresa Bulteno, redaktita de Miroslav Malovec; ĝi dankinde subtenis ankaŭ tiun ĉi raporton. Eble necesus ankoraŭ prononcohelpo: kiel oni parolas nomon kun ses sinsekvaj konsonantoj k.s. En antaŭaj kongresoj tre utilis koncizaj informoj el la cetera mondo.

"Fervojaj novaĵoj", intertempe grava elemento de niaj fakkongresoj, enkondukita antaŭ deko da jaroj de Gunnar Thuesen, prezentiĝis ĵaŭdon matene. Koncize kaj resume la prelegantoj eksplikis siajn temojn. Joachim Giessner konigis trafikajn sekvojn de politikaj ŝanĝoj ankaŭ en Germanio. Krome, delonge planita, DB instalis 60 novajn ICE-trajnojn kun 250 kilometroj de hora rapido laŭplana. En eksperimentoj oni atingis 400 km/h. Tio premisas kontinue aŭtomatan trajnregadon kaj modernigitan sekurigan sistemon. Per Engen raportis pri preparaj esploroj de NSB, ĉu ekzistas bezono pri grandrapidaj trajnoj en Norvegio. Ludoviko Sekereŝ evoluigis planojn por pliigi ranĝokapaciton, pli kaj pli urĝa kun kreskanta trafiko. El Pollando kol. Stopinski prezentis la nun funkciantan elektrolokomotivon EM 10. Ankaŭ pri nova trakciilo raportis Ernst Glättli. La svisa fervojo SBB veturigas lokomotivon 2000, kiu ekonomie utiligas frekvencŝanĝon pli favoran al la motoro, ol la 16 2/3 hercoj rekte el la katenaria reto. El la kongreslando oni aŭdis historian eksplikon pri la linio Praha-Olomouc. Alan P.Burgess sciigis novaĵojn pri la elektrizado de la orienta marborda ĉeflinio en Anglio, kio aparte gravas konekse kun la konstruata submara kanaltunelo. Henning Hauge klarigis la administracian strukturon de DSB. Heinz Hoffmann ilustris per diapozitivoj sian prelegeton pri la 90jara DR-funikularo en Dresden, kiu interligas du urbokvartalojn.

Milan Sudeĉ kun Rafael Ruiz prezentis vidbendon kaj lumbildojn pri planado de RENFE koncerne grandajn rapidecojn, konstruadon de novaj linioj, trakciiloj kaj vagonoj. Entute la spektantoj ricevis bonan superrigardon pri aktualaj evoluoj en la eŭropa fervojreto.

Ankoraŭ en tagmeza horo LKK 1992 trovis iom da tempo, por prezenti la urbon de nia 44a kongreso: MÜNSTER en la okcidentgermana provinco Vestfalio. La kongresurbo proksime de la nederlanda limo, situas preskaŭ meze inter Hamburgo kaj Kolonjo, apud la fervoja linio Parizo-Kopenhago. Pri tiu Münster, lulilo de Nederlanco, urbo de t.n. Vestfalia Paco 1648, post 30jara eŭropa milito, vi legos pli, estonte en IF k.a. fervojistaj organoj. Distribuiĝis aliĝiloj kaj prospektoj.

Historiegravedan kastelon ni vizitis posttagmeze en Kroměříž. Renkontiĝoj kun la aŭstri-hungara pasinteco kaj kun la fruaj revoluciaj jaroj de la 19a jarcento, revivigis forgesitajn lernejajn lecionojn. Kontraŭ promesita koncerto en la kastela festsalonego, evidente la administra direktoro havis skrupulojn. Sed kial la ekskursanoj devis poste promeni tra sinsekve du herbaĵoplenaj parkoj, anstataŭ tra la sendube vidinda urbocentro, tio restis sekreto de la gvidantoj.

Koreografie ekzakta sin prezentis la folklora ensemblo de la lasta kongresvespero. Kun dancoj, kantoj kaj muziko ili vivigis diversajn scenojn el ĉiutago vilaĝa, kampara laboro, rekrutigo, geedziĝa ceremonio kaj festenoj. Ne mankis gajo kaj komiko, kiuj iom mildigis la adiaŭan humoron de la kongresanoj.

Vendredon jam de mateno malpleniĝas la domo. Antaŭ definitiva adiaŭado kun blovmuziko apud la kongresejo kaj en la stacidomo, la oficialuloj certigis al si reciprokan dankon. La

LKK-prezidantoj ĝistiama kaj nova komune malhisis la flagon, kiu intertempe jam alvenis en la venontjara ĉefurbo de IFEF. Kiel disfluas postpluvaj akvoj, tiel kongresintoj nun malaperadis al ĉiuj direktoj. Ni restas ankoraŭ kaj sentas nin ŝuldantoj al geamikoj, kiuj abundon donis al ni el sia malmulto.

wbr

## POSTKONGRESO EN SLOVAKIO

Sabaton, la 18an de majo veturis 54 kongresanoj el 9 landoj (Aŭstrio, Ĉeĥoslovakio, Belgio, Germanio, Hispanio, Granda Britio, Italio, Francio kaj Svedio) de la 43a IFK Olomouc sub gvidado de Magdelena Feifičová (Fejfi) al Žilina, distrikta urbo en nordokcidenta Slovakio kun 90 mil enloĝantoj. Ĝi estas fervoja nodo, kie kuniĝas la gravaj linioj el Bratislava kaj Prago, por komune konduki tra Košice al la limo de Sovetunio. Žilina havas longan historian pasintecon, pruvitan jam de post la 13a jarcento. Ĝi estas administra centro, flegas riĉan kulturan vivon, kaj laboras tie multaj industriaj entreprenoj kaj esplorinstitucioj. En Žilina aktivas tre vigla Esperanto-klubo sub gvidado de M.Feifičová, prezidantino de la slovakia fervojista IFEF-sekcio.

Estis ankaŭ ĉefe ŝi, kiu preparis kaj organizis la postkongreson. Tagmeze nia grupo alvenis al Žilina, kaj baldaŭ post enloĝigo komenciĝis la abunda, riĉenhava programo per ekumena diservo en malnova romanikstila preĝejeto. Per interkona vespero kun ĉarmaj pupteatraj prezentaĵoj kaj dancado finiĝis la unua tago de tiu postkongresa semajno.

Car temis pri turisma aranĝo, dum la semajno okazis unu duontaga kaj kvar tuttagaj ekskursoj. La fakto, ke la plej alta temperaturo estis 20 gradoj kaj la plej malalta minus 4, neniel ĝenis la humoron de la partoprenantoj. La kvar tuttagaj ekskursoj donis agrablan impreson pri la beleco kaj belaĵoj de meza kaj orienta Slovakio. Ĉu estis la rava Harmanec-groto, ĉu la ĉarma Banská Bystrica kun sia bele renovigita centra placo, ĉu kastelo Bojnice, kiu tronas sur montodeklivo, ĉirkaŭita de profunda artefarita digo, ĉu estis la ekskurso al la rava montaro de Vrátna-valo kun ĝiaj imponaj montoĉenoj kaj kanjonoj, ĉu rigardado de la pitoreske pentritaj domoj en la vilaĝo Čičmany, ĉiam oni povis ĝui tiun belan landon. Alia kulmina aranĝo estis bivakfajro en urboparto Žilina-Zástranie. Estis gaja vespero kun super fajro rostitaj kolbasetoj kaj kun trinkaĵoj, kiuj efike akcelis la bonhumoron.

Laste la organizantoj estis envicigintaj kulturajn kulminpunktojn. Tiel ni povis ĝui dimanĉon vespere la viglajn dancojn de popola ensemblo Rozsitec, akompanatajn de verva popola orkestro. La belege kostumitaj kantistinoj same kiel belvoĉa sopranisto eĉ foje kantis en nia lingvo. Sed sendube kultura kulminpunkto estis koncerto en Domo de Arto en Žilina de la blovorkestro Armonia Slovacca sub gvidado de J.Vodňanský.

La entute bone sukcesinta postkongreso finiĝis per adiaŭa vespero kun kelkaj dank-paroladetoj al la ĉeforganizantino Fejfi kun ŝiaj gehelpantoj. Fine menciindas, ke ŝi verkis enhavoplenan postkongreslibron kun 26 paĝoj, kaj de komenco, eĉ jam en Olomouc, ĝis fino ĉiam afable helpis kaj zorgis por siaj postkongresaj ŝafetoj. Al ŝi aparta danko!

Partopreninto

## K.G.J. DE JONG HONORA PREZIDANTO DE IFEF

Por la IFEF-anoj, kiuj aktivas nur post 1968, de Jong eble ne estas persone konata, kvankam li aktivis diversmaniere ĝis sia morto. Sed por la pli aĝaj de Jong estis IFEF-prezidanto dum 10 jaroj (1958-1968), kaj tute prave nun, kiam la Statuto ebligas tion, IFEF en la 43a IFK, Olomouc, nomumis lin HONORA PREZIDANTO.

Per granda ovacio la publiko akceptis la decidon, kaj nome de la vidvino de de Jong, Wim van Leuwen transprenis la honorigon.



Relegu pri la motivo en IF n-ro 1991.1 pĝ 9, kaj vi plene komprenas.

## NOVA HONORA MEMBRO DE IFEF

Niaj rememoroj reflugu al la dimanĉa solena inaŭguro de la 43a IFEF-kongreso, dum kiu okazis evento, kiu meritas specialan priskribon: IFEF decidis nomumi novan honoran membron, nome s-anon Jaromír Babička.



Nuntempe 82-jara, vera nestoro de la ĉeĥoslovaka Esperanto-movado inter fervojistoj, Jaromír Babička estas vigla esperantisto jam ekde siaj gimnaziaj jaroj. Dum la ĝisnuna vivo li fervore propagandis kaj instruis Esperanton enkadre de la fervoja entrepreno CSD. Ni menciu ekzemple, ke li fondis Fervojistan Esperanto-rondeton en Dečín "Ĉiam antaŭen".

Sian grandan poresperantan agadon kaj internaciajn kontaktojn kun eksterlandaj esperantistoj li ne interrompis eĉ dum la periodo de plej forta politika premo. Liaj streboj por pacaj kaj amikaj rilatoj inter la nacioj pere de Esperanto vekis malamon de la totalisma reĝimo; en la jaro 1954 li estis kondamnita al malliberejo kiel "spiono" kaj perdis kvar jarojn de sia vivo.

Sed li ne lasis sin fortimigi kaj eĉ la kvarjara sufero en malliberejo dum la plej akra komunisma jugo ne rompis lian kredon je Esperanto! Post la reveno en la civilan vivon li plu laboris por la ideo de la internacia lingvo kaj tuj, kiam la kondiĉoj permesis tion, s-ano Babička kun Bohumil Král fondis ĉeĥoslovakan sekcion de IFEF ĉe la Ministerio por trafiko en Prago.

Pro la sekvoj de la malliberigo kaj pro persekutoj s-ano Babička povis partopreni nur malmultajn kongresojn de IFEF, ne havante permeson vojaĝi eksterlanden. Tamen li ĉiam vigle kaj ofereme laboris por la Esperanto-movado, same inter la fervojistoj kiel en la Praga klubo.

Kun s-ano Jaromír Řebíček konsistigas s-ano Jaromír Babička duopon de vivantaj ĉeĥoslovakaj honoraj membroj de IFEF.

Ni tutkore gratulas!

## DUMKONGRESA LABORO DE TK KAJ DE FAK

Kompilaĵo de protokoloj.

Terminara Komisiono de IFEF (TK) kaj Fake Aplika Komisiono de IFEF (FAK) kunvenis aparte 2 fojojn kaj komune 1 fojon. Ili traktis la tagordon, publikigitan en IF 1991.2 pĝ 21.

TK elektis kiel gvidanton kaj redaktoron de TeKu s-ron Dieter Hartig, Germanio, kaj kiel sekretarion s-ron Joszef Halász, Hungario, oni kompletigis la adresaron de kunlaborantoj kaj konstatis, kiel fartas la diversaj agadkampoj. Rilate al Naciaj Fervojaj Vortaroj (NV), ekz la ĉeĥoj jam tradukis kaj mankas nur certa fakula kontrolo, la slovakoj komencis la laboron kaj al la svedoj mankas nur fina korektado. La hungaroj jam eldonis vortliston kaj preskaŭ prespreta estas la pola. Al la italoj mankas nur presado.

Kunlaboro kun TEC (= Terminologia Esperanto-Centro de UEA) estas grava, kaj la estraro de IFEF komisiis al TK pere de ties sekretario entrepreni tiun kunlaboron.

Ankaŭ la laborterenon "Difina Vortaro" oni traktis. S-ro Hoffmann, Germanio, prezentis proponon, laŭ kiu oni sufiĉe konsideru najbarajn nociojn, ekzemple ke ne ĉiu rel-trafikilo estas fervojo.

- - -

FAK reelektis kiel gvidanton s-ron Petr Chrdle, kaj elektis kiel sekretarion kaj redaktoron de estontaj Fakaj Kajeroj s-ron Ladislav Kovář, ambaŭ el Ĉeĥoslovakio.

La preparata konferenco "Fervojo sojle al la 3a jarmilo" ne okazos pro ekonomiaj kaŭzoj.

La komisiono ordigis la sinsekvon kaj aliajn praktikajn aferojn rilate al ĉefa fakprelego kaj fakprelegoj/aktualaĵoj kaj notis proponojn por prelegoj dum la 44a IFK en Münster venontjare. Same oni traktis la programon de la fervojista kontaktkunveno dum la 76a UK en Bergen.

La plurjare priparolitaj "Fakaj Kajeroj" ŝajnas nun tuj antaŭ realiĝo, sub la nomo "Fervojfakaj Kajeroj", aperontaj neregule, sed je alta nivelo.

Vigla diskuto okazis dum fikso de tempolimoj, enhavo, prezentado ktp de estontaj prelegoj/aktualaĵoj.

- - -

Jaŭde okazis komuna kunveno de TK kaj FAK, dum kiu s-ro Halász (H) prezentis la komputigitan terminaron de UIC fare de MÁV. Li konatigis la partoprenantojn pri la programo kaj montris ĝian uzadon je komputilo PC/AT. Tio kaŭzis viglan interŝanĝon de opinioj kaj informoj, kaj la ĝenerala opinio estas, ke tia komuna kunveno estos utila ankaŭ dum venontaj kongresoj.

(Kompilis, surbaze de la protokoloj fare de la sekretarioj Halász kaj Kovář, la red). ■

## LA POŜTO KAJ LA 43a IFK







Dum la kongreso poŝtoficejo Olomouc 2 uzis rekte en kongresejo porokazan E.maŝinstampilon kun teksto: "43-a IFEF kongreso 11.-17.5.1991 Olomouc, Ĉeĥoslovakio" - vidu la apudan bildon.

Poŝtoficejo en urbo Strážnice propagandis la kongreson per porokaza E.afrankmaŝinstampilo kun ĉeĥa teksto: "43a internacia Kongreso de esperantisoj-fervojistoj 11.-17.5. 1991 Olomouc" - vidu la apudan bildon.

Ambaŭ menciitajn E-poŝtstampilojn eblas ankoraŭ aldone akiri ĉe adreso: ESPERANTO, poŝtkesto 34, CS-696 62 STRÁŽNICE.

Vláďa Hasala, estrarano de ĈEA

## INTERNACIA KORESPONDA LINGVOKURSO

Se vi havas malmulte da tempo, se vi ne povas viziti lingvokurson, se vi mem volas difini vian rapidecon en la lernado, partoprenu la

INTERNACIAN KORESPONDAN LINGVOKURSON

de progresantoj.

La partoprenkotizo diferencas laŭ la jara nacia enspezo. Ekzemple por Nederlando ĝi kostas 150 guldenojn, por hungaroj 40 guldenojn, por pakistanoj 12 guldenojn, por zambianoj 10 guldenojn, por brazilanoj 36 guldenojn aŭ egalvalorojn.

Se vi ne povas transpagi, aŭ pagi, kaj tamen vi ŝatus perfektigi vian lingvoscion, skribu al ni kaj ni klopodos trovi solvon por vi.

La kotizo estas pagenda post la ricevo de la unua taskfolio al la konto ĉe UEA aŭ al la Hungara Nacia Banko.

Pliaj informoj ĉe

Hungara Esperanto-Asocio
H-1396 Budapeŝto Pf.193

## 76a UNIVERSALA KONGRESO, BERGEN

### FERVOJISTA KONTAKTKUNVENO

Marde la 30an de julio je h.10.00 okazos la Fervojista Kontaktkunveno en Velferdssalen en la stacidomo de Bergen. Jen la programo:

1. Bonvenigaj vortoj
2. Prelego pri la Norvegaj Ŝtataj Fervojoj kaj ĝiaj transportebleco j dum la Vintraj Olimpikaj Ludoj: OL 1994 en Lillehammer. Preleganto: Per Johan Krogstie.
3. Montrado de videoj pri la urbo Hamar kaj pri ĝiaj ĉirkaŭaĵoj kun paroltekSto en Esperanto. Hamar estas la najbara urbo de Lillehammer kie okazos la OL 1994.
4. Servado de manĝaĵeto kaj kafo.
5. Prezentado de nova tipo de litvagono kaj la plej nova NSB-eksprestrajno sur trako en la stacio.



76-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO
27-a julio – 3-a aŭgusto 1991
Bergeno, Norvegio

RAPORTO DE FKS PRI LA JARO 1990

La internacia Fervoja Koresponda Servo kaj la tuta IFEF estis frapita de la forpaso de nia kara amiko Andreo Giovenal el Liono - kiu gvidis la servon ekde "antaŭ" la oficiala starigo - en majo 1975 (27a IFK en Villach), kaj survoje al la 43a IFK en Olomouc ni eksciis pri la morto de amiko J.Demissy, kiu sekvis s-ron Giovenal.

Ekde 1990, post la 42a IFK en Hamar, mi transprenis la taskon de la kunordigo de FKS. Tuj post la kongreso en Hamar s-ro Joly el Liono sendis al mi la jam ricevitajn ok petojn, kaj tial mi povas raporti pri la FKS-agado dum la tuta 1990a jaro.

Ricevitaj kaj senditaj leteroj nombras 46 plus (8) el jenaj 12 landoj:

- Belgio 1
- Bulgario 4 plus 2
- Ĉeĥoslovakio 7 plus 4
- Cinio 1
- Danio 2
- Francio 5 plus 1
- Germanio (O) 3
- Hungario 2
- Italio 6
- Pollando 6 plus 1
- Rumanio 3
- Sovetunio 6

Entute 46 plus 8 ricevitaj de Joly antaŭ Hamar.

La petantoj pri korespondado estis multaj pli, ĉar instruistoj kaj grupoj sendis listojn de pluraj interesatoj. Ekzemple rumana instruisto de Esperanto, kiu gvidas kursojn en pluraj urboj, sendis liston de 70 geesperantistoj, preskaŭ ĉiuj junaj (15-jaraĝaj). Tiamaniere mi nun havas liston kun pli ol 150 adresoj de geesperantistoj, kiuj deziras korespondi.

Sed la vera "eksplodo" okazis ekde la nuna jaro danke al anoncoj aperintaj sur nia "INTERNACIA FERVOJISTO", "ITALA FERVOJISTO", "EL POPOLA CINIO", "L'ESPERANTO DE IEF" KAJ "LA VERDA LUPEO - FENIKSO". Imagu: ekde la unua de januaro ĝis majo alvenis 78 petoj.

p.i. GERMANO GIMELLI
Via Donato Creti n. 61
I-40128 BOLOGNA

UNUA RAPORTO DE LA ESTONA IFEF-SEKCIO:

Estimataj sinjoroj,

mi havas la ĝojon sciigi al vi, ke la estona sekcio de IFEF havas 12 membrojn kaj la 13an de marto 1991 ni havis nian ĝeneralan kunvenon en Tallinn.

Nia tagordo estis:

1. Raporto de la organizinto Johannes Palu pri IFEF kaj ĝia agado.
2. Elektoj de la estraro (revizian komisionon ni decidis dume ne elekti, ĝis kreskos nia membraro).
3. Ideoj pri agadplano.

S-ro Palu raportis pri IFEF, kaj rakontis la iniciatojn de s-ro Giessner por fondi la estonan sekcion. Kunvenis 11 membroj, unu ne povis veni.

La elekto de la estraro okazis unuanime. S-ro Palu proponis kiel kandidaton al la posteno de prezidanto fervojan veteranon s-ron Harri KOPPEL, fervojisto-trajnestro ekde 1928, havanta titolon de "merita fervojisto". Unuanime s-ro Koppel estis elektita al la posteno de la prezidanto de la estona sekcio de IFEF.

Same unuanime estis elektita al la posteno de sekretario s-ino Vilma KALA, eksinstruistino, kaj iama oficistino.

Kiel kasiston oni unuanime proponis la organizinton Johannes PALU kaj elektis lin al la posteno de kasisto.

Pri la agadplano ni ne faris grandajn perspektivojn. Nia Estonio estas nun en kriza stato kiel la tuta malfeliĉa Sovetio, homoj ne havas kulturajn interesojn, ĉar la ekonomiaj zorgoj superas ĉion.

S-ro Koppel planas aranĝi kurson de Esperanto inter lokaj fervojistoj kiuj estas plimultnombre rusoj, ne tre kleraj. S-ro Palu havas prelegojn en la Tallinna Esp-klubo pri IFEF kaj ĝia historio. Pluaj aktivecoj dependos de la klariĝonta politika kaj ekonomia situacio.

La protokolon subskribis la organizinto de la kunveno J.Palu kaj la nova sekretario.

Mi aldonas la adresojn de niaj funkciuloj:

Prezidanto Harri KOPPEL, SU-200013 TALLINN, Spordi 7 - 5, Estonio (al li la oficiala korespondado),
Sekretario s-ino Vilma KALA, SU-200016 TALLINN, Tähe 14-1, Estonio,
Kasisto Johannes PALU, SU-200016 TALLINN, Sólme 21, Estonio.

Estime, je la nomo de la nova estraro de la estona sekcio de IFEF

Johannes Palu

---

Walter Ullmann, Germanio

## NOVAJ TRAJNOJ ĈE LA DB (GERMANA FEDERACIA FERVOJO)

Ekde la 2a de junio 1991, do ekde la lasta horarŝanĝo, veturas ĉe la DB nova trajno, nome Interurba Ekspres-trajno (ICE, InterCity Express). Kelkaj indikoj pri tiu nova sistemo:



La trajno veturas regule de Hamburgo al Munkeno kaj reen tra Kaselo, Frankfurt kaj Stutgarto, parte sur tute novaj linioj (Hanovro - Fulda, Manhejmo - Stutgarto). La veturo daúras - inter la du stacioj - 7h23 (ĝisnuna daúro 2 horojn pli). Kutime ĝi konsistas el 14 mezaj vagonoj kaj du trakciaj unuoj (antaúe kaj malantaúe po unu). La longeco de tiu vagonaro estas 410,70 m. La maksimuma rapido estas 280 km/h, kutima rapido 250 km/h. Kurenta sistemo: 15 kv, 16 2/3 hz. Sidlokoj: 1a klaso maksimume 192 (48 po vagono); 2a klaso maksimume 567 (ĝis 66 po vagono), do en la dua klaso ekzistas vagonoj kun diversnombraj lokoj por pasaĝeroj. La trakcia unuo pezas ĉ 80 000 kg, la meza vagono ĉ 53 000 kg. La traj-




noj - sume ekzistas nun "nur" 23 - enhavas kaj restoraci- kaj "bistro"-vagonoj. La trajnoj estas ekipitaj ekzemple per telefono (nur per kartoj), por konferenca kupeo, necesejo por handikapuloj, memservaj pakaĵdeponejoj kaj aliaj teknikaj aranĝoj.

La prezo por la uzo de la trajno estas pli alta ol por aliaj trajnoj, ĉirkaŭ 30% pli. Ekzemplo: Hamburgo-Munkeno, 2a klaso, simpla veturo 200 DEM, sed bileto tien-reen jam por 180 DEM - sub certaj kondiĉoj. La rezervado de sidlokoj estas enkluzivigita en la prezo. Por fervojistoj ekzistas kelkaj restrikcioj, kiuj povos esti ŝanĝitaj laŭ la uzado de la trajnoj, sed ĝenerale ni rajtas uzi ilin per senpagaj biletoj.

La foto estas farita en Frankfurto je la 09.04.91., kiam la aŭtoro partoprenis en provveturo al Stutgarto. La indikojn la aŭtoro ĉerpis el diversaj prospektoj kaj publikaĵoj de la DB.

FERVOJISTA SEKCIO DE SLOVAKIA ESPERANTO ASOCIO

invitas vin al
33a Internacia Fervojista Esperanto Skisemajno
IFES 1992
en montara hotelo Husárik ĉe urbo Cadca
de la 8a ĝis la 15a de februaro 1992

Korespondadreso: Magdeléna Feifiĉová, TOM 25/5, CS-010 01 ZILINA

Montara hotelo Husárik ĉe urbo Cadca situas en regiono Kysuce, en orienta parto de montaro Javorníky, norde de la urbo Zilina, la postkongresa urbo post la 43a IFEF-kongreso.

La montara hotelo "Husárik" povas gastigi 120 personojn en du-, tri kaj seslitaj ĉambroj. El ili kelkaj estas kun duŝilo, krome en ĉiu etaĝo funkcias banĉambro kaj necesejo.

La skitereno troviĝas tuj ĉe la hotelo. Por skiemuloj servos skilifto en longeco 853 m, kun altecdiferenco 249 m. La pinta stacio troviĝas 780 m super la maro.

Je la dispono de longdistancaj skiantoj estas riĉa reto da ŝpuroj en idilia, bela naturo.

La ne-skiantoj havos multajn eblecojn por promeni kaj ekskursi. En urbo Cadca estas ebleco naĝi en subtegmenta naĝejo.

Por ĉiuj estos preparita tuttaga busa ekskurso al iu interesa loko de Slovakio.

En la hotelo estas ebleco lui skiojn kaj sledojn nur en limigita kvanto. Pro tio la partoprenantoj estas petataj preni proprajn ŝuojn kaj skiojn.

La restado komenciĝos sabaton vespere kaj finiĝos venontan sabaton tagmeze. ■






## 44a Kongreso de la Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF)

16a-22a de majo 1992
en MÜNSTER, Germanio
Adreso: Postfach 10 04 30, D-W-6360 Friedberg/Hessen

Kongreskotizo por IFEF-membro ĝis 31.1.92 = 84 DEM; urba promenado = 3 DEM; tuttaga ekskurso 65 DEM; duontaga ekskurso 35 DEM.
Hotelprezoj: unulita ĉambro 45 - pli ol 130 DEM (nokto); dulita cambro 60 - pli ol 180 DEM (nokto/ĉambro).
Glumarkoj 4 DEM por folio.

LA POSTKONGRESA ARANĜO DE MÜNSTER

okazos de sabato ĝis merkredo tuj post la 44a IFEF-Kongreso en arbarriĉa harcmontaro, oriente de Hanovro resp. okcidente de Magdeburgo. En Harcmontaro trafikas ankoraŭ vaportrakciitaj etŝpuraj trajnoj, kies alrigardo estas ĝuo por ĉiu fervojamiko. Sed ankaŭ belegajn "buntajn" urbetojn ni vizitos dum la postkongreso, ekz. Wernigerode (elp. Vernigerode), Quedlinburg (Kvedlinburg), Blankenburg k.a. Finfine ofertas la vizitota Harco por lacaj kongresanojn belajn kurac- kaj ripozlokojn en vastaj arbaroj kaj netuŝitan naturon laŭlonge de la iama engermaria limo. Do, promenadi bone eblas.

Jen, karaj gekolegoj, uzu la eblecon "postkongresi" kune kun DR-kolegoj en iama GDR! Ĉiujn bezonatajn informojn vi ricevos en la venonta(j) "IF"-numero(j).

Meinel

ANONCO

Mi, kiel malnova esperantisto sed novelektita sindikata aktivulo, serĉas kontaktojn kun fervojaj lokomotivestroj kaj maŝinistoj. Pere de tiuj kontaktoj mi deziras ekkoni la vivon, la socian situacion, la profesian perspektivon de la kolegojmaŝinistoj.

Mi estas hungara fervojisto, lokomotivestro jam de preskaŭ 20 jaroj. (Kiel esperantisto jam pli ol 25 jarojn mi ekzistas). Krom la esperanta kaj hungara lingvoj mi komprenas ankaŭ la bulgaran kaj germanan.

Vian helpon dankas FÖLDVÁRI László, Vásártér 22 C, H-5420 TÜRKEVE.

NEKROLOGO

La 9an de majo 1991 mortis nia multjara membro de GEFA kaj IFEF de la BSW-grupo Nürnberg

Karl Pscheidt (76)

el Zwiesel post longa grava malsano. Li ofte partoprenis internaciajn fervojistajn kongresojn. Kvankam li estis poligloto, li lernis Esperanton. Li ekkonis la gravecon kaj signifon de Esperanto por la homaro. Per Esperanto li gajnis multajn amikojn en- kaj eksterlande.



Ni perdis bonan amikon kaj kolegon.
Ni neniam forgesos lin.

Al la ŝatata edzino ni kondolencas kaj deziras la necesan forton, pluvivi sen edzo.




## JUBILEO DE "JUGOSLAVIA FERVOJISTO"

Dum la regula jarkunveno de Jugoslavia Asocio de Fervojistoj-Esperantistoj (JAFE) en Ilidža (apud Sarajevo) oni celebris ankaŭ jubileon de "Jugoslavia Fervojisto", organo de la asocio, kiu senĉese aperadas jam 35 jarojn. Tiuokaze oni eldonis specialan filatelistan "maksi-karton" kaj en la poŝtoficejo Ilidža funkciis la tutan tagon speciala stampilo.

La jarkunvenon ĉeestis dudeko da delegitoj el fervojistaj Esperanto-societoj kaj preskaŭ 200 aliaj gastoj inter alie ankaŭ reprezentanto de ĉeĥa sekcio de IFEF, s-ro Tomíŝek. Estis invititaj ankaŭ aliaj IFEF-sekcioj, sed iliaj reprezentantoj estis malhelpataj veni kaj anstataŭ persona ĉeesto ili sendis salutleterojn kaj bondezirojn.

En la jarkunveno estis aprobita nova statuto de JAFE adaptita al la aktualaj soci-politikaj cirkonstancoj en la lando (plurpartia sistemo, demokratiigo de la socio ktp.). En la faka parto de la kunveno oni aŭdis prelegon pri la 110-jara jubileo de fervojfaka lerneja sistemo en Jugoslavio kiun preparis s-ro Dimitrije JANICIC, prezidanto de Fervoja Esperanto-societo Beograd.

F.Ero

---

**KULTURA CENTRO ESPERANTISTA (KCE) kaj GASTEJO EDMOND PRIVAT de La Chaux-de-Fonds, Svislando**
anoncas, ke dum la somero 1991 okazos neniu aranĝo aŭ kurso. Oni dediĉas tiun periodon al reorganizo kaj preparo de nova programo, kiu aperos en novembro 1991 anoncante la aktivecojn de la jaro 1992.
KCE, poŝtfako 779, CH-2301 La-Chaux-de-Fonds.

**FERVOJA KORESPONDA SERVO**

S-ro Germano GIMELLI, Via Creti 61, I-40128 BOLOGNA, Italio.

Se vi deziras utiligi la servon, bonvolu indiki viajn nomon, aĝon, adreson, en kiuj landoj vi deziras korespondant(in)on, kaj pri kiaj temoj ktp.

---

ENHAVO



---

Redaktofino por la venonta IF, kiu aperos en septembro, estas 10.8.1991

Presejo: Gefion Tryk, Tømrervænget 7, DK-4700 Næstved